No 6 Bern, la 15an de Novembro 1939





# NI VOKAS VIN!



Oficiala Kongres-Gazeto
de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto
29-a Julio — 5-a Aŭgusto 1939 BERN — Svislando

Eldonanto kaj redakcio: Loka Kongresa Komitato, Bern, Bundesgasse 18 Telefono 3 72 37

## Tamen kaj spite

Kvazaŭ bela malproksima sonĝo, pri kiu ni jam ne plu certe scias, ĉu iam ĝi vere estis, tiel la 31-a Universala Kongreso de Esperanto en Berno forpasis. — Depost du monatoj la mondo suferegas la terurojn de nova milito. Ankaŭ de la Berna Loka Kongresa Komitato multaj membroj kiel oficiroj, suboficiroj kaj soldatoj troviĝas ĉe la landlimo por protekti sian karan patrujon. Tamen ili neniel forgesis nian Esperantomovadon kaj, memorante la promeson de fideleco, spite al ĉio prema, kiu nuntempe pezas super la mondo, decidis sendi al ĉiuj karaj amikoj en, kaj precipe ekster Svislando, ankoraŭ lastan mesaĝon pri la ĉarmaj tagoj, kiujn ni, stimulite per la idealo de la lingvo de la espero, en la fino de Julio kaj la komenco de Aŭgusto kune travivis en Berno.

Kie do atingos vin, karaj amikoj, niaj lastaj salutoj? Ne plu **ni vokas vin;** ni povas saluti vin nur el malproksime, sed feliĉaj en la bela konvinko, ke ni povis peri al vi la agrablajn travivaĵojn de la estinta kongreso. Alia potenco, alia voĉo vokis vin: la voĉo de la devo por via patrujo en luktado, kies rezulton ni ne konas kaj pri kiu ni nur scias, ke ĝi rulos gigantan ondegon de suferado super la homaron. Sed precipe tio igas al ni neforgesebla la 31-an Universalan Kongreson de Esperanto.

Tial ni plezure sciigas vin hodiaŭ, ke ni Bernaj Esperantistoj alte tenados la standardon kun la verda stelo, tiel ke al vi, estonte kiel antaŭe, kiam vi bezonos amikon aŭ helpanton en la pacema Svislando, la Loka Kongresa Komitato volonte per konsilo kaj ago estos je via dispono. Estis ja en ĉiu epoko, kiam la malfeliĉo furiozis, honoro kaj tasko de Svislando, kiel eble plej mildigi la terurojn kaj suferojn de la milito. Ĉi tiu glora tasko estu por la Loka Kongresa Komitato de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto unu el la plej belaj testamentaj donacoj el la neforgeseblaj tagoj. Kvankam la Kongreso nun estas likvidita, la Loka Kongresa Komitato ne irpozos sur siaj laŭroj, sed plue laborados, por ke la standardo de la verda stelo daŭre flirtadu super la disigita monde.

Certe ĉi tiu abomena milito, pri kiu ni esperas, ke ĝi fine alportu eternan pacon, ankaŭ por niaj taskoj kaj celoj estos doloriga bato, sed ni reciproke promesu al ni, spite ĉio teni kune, laciĝi sub neniu kondiĉo kaj kune iradi la promesitan vojon por la bono de la homaro.

Karaj geamikoj, ofte memoru pri la bela Svislando, kiu estis feliĉa gastigi vin, pri la fiera kaj agrabla Berno, kiu dum feliĉaj tagoj estis via intima hejmo, memoru pri la arĝentaj montoj, kiuj kvazaŭ avertantoj de la Eternulo rigardas super la landon kaj kiuj estas la simbolo de nia svisa libereco. Ke ili ankaŭ al vi, karaj amikoj, estu la pruvo, ke malgraŭ ĉio ekzistas vojo, kiu el la peza mallumo de nia epoko kondukas supren!

Amike kaj ĝentile bonvolu akcepti ĉi tiun lastan mesaĝon de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto. Ke ĝi ofte rekonduku viajn pensojn kaj revojn al ni! Ni deziras al vi ĉion plej bonan kaj salutas vin el amikeca koro,

Loka Kongresa Komitato, Berno.



Fot. Karl Jost, Bern.

La Solena malfermo de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto Bern (Svislando)
29-a Julio — 5-a Aŭgusto 1939
Dum la parolado de la prezidanto de la Berna registaro Sro Dr. Dürrenmatt

# La raporto pri la 31a Universala Esperanto-Kongreso en Bern.

Kiel gutoj la unuaj kongresanoj alvenis en Bern jam vendrede. La deĵorantaj Esperantistoj en la stacidomo ĝojis pri ĉiu unuopulo pri kiu ili povis okupiĝi. En la urbo la maloftaj kongresanoj dronis inter la enloĝantoj kaj oni povis promeni tra la stratoj sen vidi unu homon kun la kongresa insigno. Sed ĉio estis preta kaj streĉita. En la stacidomo Esperanta flago montris la vojon al la oficejo, kie altaj staploj kun la kongresaj dokumentoj: belega kongreslibro, ĉarma insigno montranta la Bernan urson tenanta la verdan stelon, biletoj kaj prospektoj, atendis siajn posedantojn. La kongresejo jam estis ornamita kaj granda surskribo atentigis ĉiun preteriranton ke tie estas la ĉijara patrujo de la Esperantistoj. En la urbo la rotaciaj maŝinoj de la gazetoj presigis salutpaĝojn en germana kaj esperanta lingvoj, kiuj devis aperi samtempe kiel la kongresanoj.

Vendrede vespere alvenis la prezidanto de IEL generalo Bastien kaj estis kun floroj akceptata de la prezidanto de la LKK trafikdirektoro Buchli. Sed sabate alvenis la granda nombro. En la kongresoficejo svarmoj da vojaĝantoj moviĝis, akceptis siajn dokumentojn, mendis ankoraŭ hotelojn kaj ekskursojn kaj ŝanĝis monon. Ĉiuj estis malgraŭ laciga longa vojaĝo tre ekscititaj, tre gajaj kaj feliĉaj renkonti kunulojn el aliaj landoj kaj malnovajn konatulojn de la lastaj kongresoj. Estis kvazaŭ la interkonatiĝa kaj reinterkonatiĝa vespero jam estus komenciĝinta en la kongresa oficejo de la stacidomo. Ĝis la vespero la plej multaj de la 765 kongresanoj estis alvenintaj kaj loĝiĝintaj.

## La granda kostumbalo.

Estis certe bona ideo de la LKK aranĝi jam la unuan vesperon grandan feston en la salonegoj kaj terasoj de Kursaal. Ĝi ne estis organizita laŭ la stilo de la tradiciaj interkonatiĝaj vesperoj sed ĉi-foje ĝi estis kvazaŭ interkonatiĝo inter la esperantistoj kaj la Bernanoj. Ĉar ĝi ne estis fermita kunveno, sed granda publika festo, kiu estis okazigata honore al la Esperanto-kongreso, kiel komunikis grandaj afiŝoj, kiuj dum la tuta semajno jam ĉie pendis en la urbo: tiel nomata Bärner Chilbi (Berna kermeso). Tio estas varioplena senĝena miksaĵo de dancoj, kantoj, jodlado kaj aliaj prezentadoj, kio donis al la eksterlandano la eblecon ricevi impreson pri la vivplena kaj multkolora svisa festvivo. La svisoj grandnombre partoprenis kaj tre multaj portis siajn naciajn kostumojn kaj konkuris kun la belaj kostumoj. kiujn la eksterlandaninoj alportis.

Scivolemaj kaj rigardemaj la Esperantistoj promenis en belega vespero super la impona Kornhaŭsponto, de kie oni ĝuis ankoraŭ nekompareblan elvidon al la alpoj kaj migris al la teraso de la Kursaal, de kie la urbo de Bern prezentiĝas tiel rave al la okuloj kaj kie oni povis poste ĝui agrable varman someran nokton kaj kiel specialan vidaĵon la feste lumigitan katedralon. En la Kursaal la Esperantistoj havis kiel vojmontrilon inter la homamasoj la kongresinsignon, kiu gvidis ilin unu al la alia kaj servis kiel interkonatigilo. Oni trovis lokon en unu el la multaj salonegoj interne aŭ sur la teraso. La prezentadoj, inter kiuj oni mem dancis laŭ la sonoj de unu el la multaj orkestroj, komenciĝis tuj. La jodlado tre interesis la eksterlandanojn, kiuj jam multe aŭdis pri tiu aparta svisa arto kaj tre atenteme ili aŭskultis. Svisa grupo en naciaj kostumoj prezentis dancojn, kvar kantistoj kantis en la kvar naciaj lingvoj de Svislando. Kun granda streĉo la okuloj sekvis la lertajn movadojn de la flagsvingistoj, kiuj ŝajne senpene faris la plej aŭdacajn svingojn kaj ĵetojn per la ruĝa flago kun la blanka kruco. Ankaŭ la blovistojn de alpaj kornoj oni salutis entuziasme kaj aplaŭdis fervore.

La publiko mem ne donis malpli belan aspekton ol la prezentadoj sur la scenejoj. Jen sidis estoninoj kaj svedinoj en siaj multkoloraj vestaĵoj kaj apud ili svisinoj en la kostumoj de Appenzell, St. Gallen, kaj Bern kun siaj grandaj vualkufoi kaj Vaud-anino kun sia grandega pajlĉapelo. Oni povis vidi tie la malsamajn ecojn de la diversaj popolkulturoj, sed nur malfacile oni povis aŭdi ilin, ĉar svisinoj, estoninoj kaj svedinoj krom la diversaj aliaj nacioj, kiuj sidis ĉe tiuj tabloj, interbabilis gaje en Esperanto. La dancado, kiu ĉiujn nacianojn fervore okupis, pruviĝis ankaŭ kiel internacia interkomprenilo. La eksterlandanoj post ioma hezito trovis plezuron ankaŭ en la tipe svisaj dancoj kaj kun sukceso provis danci niajn Ländlerdancojn kaj svisajn valsojn. Post meznokto, kiam parto de la ĉeestantoj jam volis foriri, s-ro Buchli haltigis ilin per speciala vidaĵo. Li aranĝis prezentadon de ĉiuj naciaj kostumoj, kiuj troviĝis en la festejo; unue grupoj da svisinoj aperis kaj estis varme salutataj, poste li venigis la eksterlandajn grupojn kaj unuopulinojn kaj klarigis ilian nacian apartenon. Poste oni formis procesion de ĉiuj naciaj kostumoj tra ĉiuj salonoj de la Kursaal. Certe neniu ĉeestanto forgesos tiun belan vivantan bildon kaj kvankam li ne povis fotografi ĝin, li kunportos ĝin hejmen kiel daŭran memoraĵon al tiu bela berna vespero, per kiu nia kongreso komenciĝis.

## La solena malfermo.

La granda salono de la Kazino, kiu estis bele ornamita per la naciaj flagoj kaj unu grandega Esperanto-standardo, estis tute plena, kiam la solena malfermo de la kongreso per orgenludado estis komencata. Parolis unue la prezidanto de la Loka Kongresa Komitato, trafikdirektoro H. Buchli, kiu bonvenigis la kongreson en la svisa ĉefurbo. Li aparte ĝojis, kaj per tio certe esprimis la pensojn de ĉiu unuopa, ke la pesimismo malpraviĝis kaj la kongreso malgraŭ la nervozeco en la politika sfero povis okazi. Li skizis la celon de la Esperanta movado: „ĝi ne revas pri ideologiaj celoj de la homaro, kiuj vere estus belaj, se ili ne pro la malperfekteco de la homo mem estus maleblaj. La Esperanto-movado staras sur la fundamento de la realeco, ĉar ĝi volas nek krei novan kulturon, nek forigi aliajn vivantajn lingvojn, sed nur tion ĝi celas: ke la homoj povu kompreni unu la alian per facile lernebla lingvo ... Ĉu ne estas genia kaj samtempe nobla ideo, sen iu politika aŭ kultura subkompreno, simple krei rimedon, kiu ebligas la reciprokan interkomprenadon de la popoloj, rimedon, kiu antaŭ ĉio atakas la kanceron de nia epoko: la mensogon, la fuŝglosadon de dirita parolo?“ Pro tio nia plej urĝa devo estas lukti, por ke ĉi tiu ideo de reciproka interkomprenado venku nun, tiu ideo reprezentata de Esperanto. La nuna kongreso estas pristudonta la vojojn kaj rimedojn de la propagando, por enigi la helplingvon en la vivon de la popoloj kaj igi ĝin fruktodona.

Kiel reprezentanto de la honora prezidanto de la kongreso, Federacia Konsilisto Pilet-Golaz, de la registaro de la Kantono de Bern, de la urbestraro de la Urbo de Bern, salutis la kongreson la prezidanto de la registaro de la kantono de Bern d-ro Dürrenmatt. Li rekonis Esperanton kiel valoran instrumenton por la interkompreniĝo de la popoloj, kiuj hodiaŭ malgraŭ ĉiuj progresoj de la tekniko staras tiel fremdaj unu kontraŭ la alia. Pro tio la homaro devas danki al la Esperantistoj pro ilia laboro. La fakto ke malgraŭ la malsukceso de pli fruaj mondlingvaj projektoj Esperanto trovis tiom da fervoraj adeptoj, kiuj nun kunvenis en Bern, pruvas, ke la mondlingva ideo vivas, kaj promesas al ĝi sukcesplenan estonton. Tamen,



Fot. Karl Jost, Bern

(maldekstre supre) La simpatia delegito de Usono Sro A. Georges Conor kun la prezidanto de IEL, generalo Bastien kaj la ĝenerala sekretario de IEL, Sro Goldsmith. — (supre meze) La Kazino en Bern: Kongresejo de la 31-a Universala Kongreso de Esperanto. — (supre dekstre) Miss Doris Tappan, la ĉarma delegitino de la Usona Registaro. — (malsupre maldekstre) Berna Esperantistino en la bela kostumo de la kantono Bern. — (malsupre meze) Grupo da Estonaninoj en sia simpatia kostumo. — (malsupre dekstre) Svisa Esperantistino en la belega kostumo de la kantono Appenzell.

kiel diris d-ro Dürrenmatt, la multlingveco de Svislando pruvas, ke ne la unueco sola de la lingvo gravas, sed ke la spirito kaj la principoj formas la fundamenton, sur kiu ankaŭ la grava movado de la esperantismo antaŭeniras.

Post la ludo de la nacia himno estis elektata kun aplaŭdo kiel kongresa prezidanto s-ro Jakob Schmid el Bern (prezidinto de la 9a Universala Esperanto-Kongreso en Bern 1913) kaj kiel vicprezidantoj s-ro H. Thilander el Svedlando kaj A. C. Oliver el Anglujo. S-ro Schmid revokis la spiriton de Zamenhof, kiu en la 9a U. K. en Bern partoprenis sian lastan kongreson ĉar, kiam li estis vojaĝanta al Parizo en 1914, lamondmilito eksplodis dum kiu kaj pro kiu li mortis. Sed lia spirito vivas kaj ni kunlaboru harmonie en tin spirito. La familio Zamenhof salutis la kongreson per telegramo.

Sekvis la salutoj de la oficialaj reprezentantoj de jenaj registaroj: por la belga f-ino Jennen, por la hungara prof. Mihalik, por la franca s-ro Couteaux, por la nederlanda inĝ. Isbrücker, por la norvega inĝ. O. Brochmann-Sletteröd kaj por Usono f-ino Tappan.

Kaj post tio la mallongaj alparoloj de la landaj asocioj membriĝintaj al IEL: Belgujo Swinne, Brazilo kaj Britujo Oliver, Danujo Hansen, Francujo Petit, Hungarujo Mihalik, Italujo Cotta, Jugoslavujo Lapenna, Nederlando Bakker, Svedujo Dahl, Svislando Jaccard, Usono Connor. Kiel reprezentantoj de aliaj landoj parolis por Estonio f-ino Nummelin, por Rumanujo Beron, por Palestino Olŝvanger, por Aŭstralio Walker. En la nomo de la malpermesita germana Esperantomovado salutis, forte aklamata, s-ro Teo Jung, kiu ankaŭ rememorigis pri la ĉeĥoslovakaj samideanoj, kiuj ne recevis permeson forlasi sian landon kaj la polaj, kiuj pro politikaj kaŭzoj ankaŭ ne povis ĉeesti.

Kiel lasta perolis intendanto-generalo Bastien, la prezidanto de la Internacia Esperanto-Ligo. Li esprimis siean simpation al pacama kaj bela Svislando, dankis al la oficialaj rondoj, kiuj helpis ebligi la kongreson en Bern kaj faris superrigardon super la movadon, el kiu rezultis, ke ĝi malgraŭ la perdoj en la grandgermanigitaj landoj progresis.

Per la Himno fermiĝis la bela impona kunveno laŭ la malnova esperantista tradicio.

## La surmonta diservo.

Por la dimanĉa posttagmezo estis antaŭvidita diservo en libera aero sur la monto Gurten. Kaj kvazaŭ Dio mem favorus la kongreson, li donacis al ĝi la plej brilan veteron. Tre granda nombro da kongresanoj sekvis la inviton al Gurten kaj kolektiĝis tie post ŝnurfervoja veturado aŭ piedira grimpado sur la montosupro ĉirkaŭ simpla predika pupitro. La poŝtista orkestro faris la muzikan kadron antaŭ kaj post la prediko kaj akompanis la kantadon de „Granda Dio, ni laŭdas vin" kaj „Niajn korojn kuneligu!" La predikon faris pastro Schmid el Sankt Moritz, kiu en belsona Esperanto parolis pri la turkonstruo de Babel kaj faris komparojn pri la senbrideco de popoloj en nia aktuala tempo.

Post la diservo, kiun oni aŭskultis sidante sur la herbo aŭ apogante sin al arboj, la samideanoj ankoraŭ restis sur la monto, ĝuante la elvidon kaj la belan vesperon, fotografante (denove la naciaj kostumoj elvokis ĉies ravon) kaj freŝigante sin en la Gurten-restaŭracio kaj aŭskultante la ludadon de la poŝtista orkestro, kiun direktis la orkestrestro de la Berna opero s-ro Colombi je ĉies granda plezuro. Nur vespere la kongresanoj en malgrandaj grupoj reiris al la urbo por pasigi tie laŭplaĉe liberan vesperon.

## La unua laborkunsido.

La ĝenerala kunsido de la lundo estis dediĉita al la aferoj de Internacia Esperanto-Ligo. Malfermis ĝin ĝia prezidanto generalo Bastien kaj transdonis la parolon al la ĝenerala sekretario Goldsmith. Tiu raportis pri la pasinta jaro, kiu

pro la politika necerteco — en ĉiu momento oni devis kalkuli pri internacia katastrofo — estis tre malhelpa por IEL samkiel por ĉiuj internaciaj societoj. Tiu stato ankoraŭ daŭras en 1939. Malgraŭ tio la jarraporto estas ĝojiga. Kun ses aliaj Esperantaj asocioj IEL faris kontrakton pri kunlaboro, aliĝis al ĝi krome la landaj asocioj de Grekujo, Hungarujo, Jusoslavujo, Finnlando, Svislando, Novzelando. Pro tio la perdo de Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakujo estis kompensita. IEL havas nun pli ol 13,000 membrojn, inter kiuj 1506 delegitojn, t. e. 163 pli ol en la pasinta jaro. (La ceteraj statistikaj indikoj estas troveblaj en la Jarlibro). La nombro de abonantoj al la oficialaj gazetoj: „Heroldo de Esperanto" kaj „Esperanto Internacia" ankaŭ kreskis. Pro la bonaj spertoj faritaj en Svedujo per la malaltigo de la kotizoj, la estraro de IEL decidis malaltigi la kotizojn tre konsiderinde en la plej multaj landoj. La deficito malkreskis tre konsiderinde kompare al la lasta jaro pro kresko de la membraro kaj ŝparoj en la oficejo, kie nun du personoj faras la laboron, kiun antaŭe faris kvar. Per la donacoj de malavaruloj ĝi fariĝis tre malgranda kaj la proksiman jaron la estraro jam esperas povi spezi pozitive.

Estrarano A. C. Oliver akcentis en sia parolo la gravecon de la kunlaboro de ĉiu unuopa esperantisto kaj instigis ilin fariĝi membro en unu el la superaj kategorioj de IEL. Dum la konkresoj aliĝis — kiel diris s-ro Goldsmith en la ferma kunsido — du patronoj kaj granda nombro da aktivaj membroj. Krome monkolekto, kiun spontanee instigis kelkaj kongresanoj por helpi kovri la deficiton, rezultis ducent frankojn.

## Parolado de d-ro Olŝvanger.

En la posttagmezo granda nombro da kongresanoj denove kunvenis en la granda salono por aŭskulti paroladon de d-ro Olŝvanger pri „La verda internacio". El lia tre altnivela kaj bele dirita parolado mi citas jenajn pensojn: La Esperantismo devas forlasi la epokon de „sufiksismo", en kiu ĝi laŭ la opinio de Olŝvanger ankoraŭ troviĝas, kaj celi al pli alta kultura nivelo. La senco de Esperanto estu, helpi al la popoloj, kiuj estas diferentaj kaj prave estu diferentaj, kompreni unu la alian; ne nur toleri, sed respekti unu la alian. Oni ne diru: „mi estimas vin kvankam vi estas ano de X-a nacio", sed „mi estimas vin kiel anon de X-a nacio". Tiu ĉi respekto enestu en ĉiu esperantisto kaj kunligu ilin en verda internacio.

## La eterna rondodanco.

„Ho homo, ofte pensu pri la fin'.
Alkuras morto kaj atakas vin,
Kaj ĉiufoje ja en form' alia,
Ĉar montras sin en ec' varia.
Ĉio, ĉio ja pereos, ĉio,
Sed unu restas, sole Dio" .

Tiuj ĉi versoj, la komenco de la „eterna rondodanco", enhavas la kvintesencon de tiu ludo, — la vorto teatraĵo ne bone taŭgas — kiun la LKK prezentigis ĉi-jare al la kongresanoj. Tiu spektaklo estas de siaj aŭtoroj, Senta Maria kaj Henriko Scherrer, kunmetita el melodioj, versoj kaj bildoj el la epoko inter la 14a kaj 18a jarcento, kiuj okupiĝas pri la motivo de la „mortulaj dancoj". Tiuj bildoj kutime montras la morton, kiam li forprenas iun reprezentanton de iu klaso meze el lia vivagado.

Tiel ankaŭ la bildoj = scenoj de la Eterna Rondodanco prezentas tiun motivon en multaj variaj aspektoj. Jen episkopo estas forprenata de la morto meze el la katedralo, jen reĝo el sia kortego, soldatoj el la batalkampo, fianĉino el la edziĝa festo, drinkemuloj el la karnavalo, knabino el la florĝardeno, almozulo de la strato. La agado estas farata nur pantomime, la tekston kantas du kantoroj, kiuj senmove staras sur piedstaloj flanke de la scenejo, kaj de nevidebla ĥoro akompanata de same kaŝita orkestro.

Tiu ludo estas prezentata antaŭ la bela gotika katedralo de Bern. Malbonŝance pluvis iom en la komenco, sed poste la publiko despli bone povis ĝui la unikan aspekton de tiu teatro sur la publika placo de la malnova urbo kun la katedralo kiel malantaŭa kuliso. Grandioze majesta tio aspektis post la lasta bildo, kiam la katedralo estis superfluata de multreflektora lumo kaj sur ĉiuj ĝiaj terasoj aperis anĝeloj blovantaj trombonojn.

Pro ĉio ĉi la ludo, kiun eble ne ĉiuj anoj de malproksimaj landoj tuj povis plene apreci pro ĝia unikeco, fariĝis neforgesebla impreso. Pri la boneco de la prezentataj kantoj, dancoj kaj muziko ĉiuj samopiniis. — Ĉar la aktualaj vortoj en tia ludo estas nur akompanaj al la pantomimo, estis egale ke ili ne estis en Esperanto, sed por la interesiĝantoj Jakob Schmid estis farinta Esperantan tradukon, kiu troviĝas en la kongreslibro.

## La aŭskultado de Radio Paris PTT.

Dum la tago s-ro Petit estis anoncinta, ke Radio Paris PTT en la vespero je la 23a horo faros honore al la kongreso en Bern elsendon pri la unua kongreso en Boulogne-sur-Mer. Li organizis komunan aŭskultadon de tiu elsendo en kafejo Scherer. La esperantistoj tre multnombre sekvis tiun inviton kaj plenigis post la Katedrala Ludo la tutan kafejon. S-ro Petit krome sukcesis, ke la svisa telefona radio (en Svislando oni povas aŭskulti radion ne nur sur la senfadena aervojo, sed ankaŭ tra la telefono, kaze ke oni abonis al tiu speciala servo) estis preta, kvankam oni nur malfrue telefonis al ĝi, transpreni la elsendon de Paris, sed pro teknikaj kaŭzoj tio nur eblis tra Radio Lyon. Do s-ro Petit sukcesis ricevi la konsenton de Lyon ankaŭ (kie direktoras nia fervora samideano Borel) kaj per tio ebligis al la kongresanoj tute sendisturban aŭdadon de la tre interesa elsendo, kiu en formo de radioteatro prezentis scenojn el la okazaĵoj de nia unua kongreso. Kompreneble oni sendis dankleterojn al la radiodirekcioj de Paris PTT, Lyon kaj Bern, al kiuj ankaŭ ĉi tie la danko pro ilia bonvola komplezemo estu esprimata.

## La dua laborkunsido.

La dua ĝenerala kunveno estis dediĉita al la problemoj de propagando. Paroladis pri ĝi s-ro Malmgren el Stockholm, vicprezidanto de IEL. Li unue akcentis la gravecon de centraj konstantaj oficejoj por la landaj asocioj, se ilia laboro vere estu sukcesplena. Krome li rakontis pri la bonaj spertoj, kiujn la svedaj esperantistoj faris per komuna kantado de Esperanto-kantoj kaj por pruvi tion, post la kunveno la svedaj kongresanoj prezentis kelkajn multe aplaŭditajn kantojn.

Transirante al la vera temo de sia perolado, Malmgren parolis pri la vojo enigi Esperanton en la komercon. Oni ne povas atendi, ke la komercistoj uzu Esperanton pro ĝia ideala valoro, sed oni devas pruvi al ili ke ili, el Esperanto povas krei al si utilan helpilon. Tamen oni ne povas atingi multon ĉe la ĉefoj de grandaj entreprenoj, kiuj havas korespondantojn por ĉiuj lingvoj, sed pli facile atakeblaj estas la komercaj oficistoj. Enkonduki Esperanton en la komercajn lernejojn certe estas dezirinde, sed pro la troŝarĝo de la lernantoj per lernendaĵoj, tre malfacile. Tiom pli oni devas propagandi ĉe la absolvintoj de la komercaj lernejoj, kiuj devante uzi la fremdajn naciajn lingvojn en la praktiko, ekkonas kiel malfacila tio estas kaj ke estas maleble atingi en ili veran perfektecon. Por ke tamen komercistoj, kiuj lernis Esperanton, ne forgesu la lingvon denove, la esperantistoj mem devas zorgi pri sufiĉaj eblecoj uzi la lingvon. Malmgren pro tio proponas la fondon de internacia komerca Esperanto-societo, kiu ekz. per interŝanĝoj de Esperantistaj oficistoj inter la landoj kaj per perado de adresoj de komercistoj Esperantistaj aŭ per perado de valoraj informoj al nacilingvaj komercaj gazetoj, povus utiligi la lingvon kaj montri ĝian utilon al aliaj.

S-ro Goldsmith atentigis pri la fak-delegitoj por komerco, kiuj povas servi en tiu direkto. Krome li komunikis, ke IEL decidis starigi reton de delegitoj okupiĝantaj precipe pri la propagando de Esperanto, al kiuj la centra oficejo liveros la necesan materialon.

S-ro W. Baaten el Utrecht rakontis pri siaj spertoj korespondante kun granda firmo en Esperanto, kiu akceptis ilin kaj okaze eĉ respondis en Esperanto. S-ro W. B. Currie el Romiley en Britujo parolis pri siaj agoj por Esperanto en komercistaj rondoj. S-ro Bakker el Amsterdam raportis pri siaj tre bonaj imitindaj sukcesoj en Nederlando. Li atingis ke ĉiu delegito de IEL rajtas fiksi ŝildon kun sia nomo en la stacidomo, ke en la telefonĉeloj la klarigoj pri uzo estas ankaŭ en Esperanto, ke la poŝtistoj, kiuj scias Esperanton, rajtas fiksi ŝildon pri tio super sia giĉeto kaj krome li atingis en multaj hoteloj, ke ili presigis informojn kaj menuojn en du lingvoj. Per la dulingvaj menuoj kelnero nederlanda kaj gasto Esperantista povas interkompreniĝi. Pro ĉio ĉi la Esperantistoj vojaĝantaj en Nederlando konsciiĝas pri la praktika valoro de sia lingvo kaj la ne-Esperantistoj ekkonas, ke valoras la penon lerni tiun lingvon.

## La federacia festo.

La unua de aŭgusto estas la naskiĝfesto de la svisa federacio, ĉar en tiu tago de la jaro 1291 la unuaj tri kantonoj, Uri, Schwyz kaj Unterwalden ĵuris sur Rütli la eternan federacion, al kiu dum la jarcentoj la aliaj kantonoj aliĝis. Oni kutimas festi tiun datrevenon per paroladoj, artfajraĵoj kaj en la montoj per gigantaj naturaj fajroj, kiujn oni amasigis kaj kiuj brilas de montpinto al montpinto.

Por rigardi tiun belan vidaĵon la Esperantistoj kolektiĝis tuj post la vespermanĝo ĉe la kazino por, en grupoj gvidataj de la lokaj samideanoj, iri unue al Rosengarten kaj poste al aliaj elvidejoj. Bern donis aparte majestan bildon. La Katedralo blanke lumis tra la nokto kaj sub la teraso de la Federacia Domo la tuta aero koloriĝis per grandaj bengalaj fajroj. La knaboj amuzis sin kaj la aliajn eksplodigante krakfajraĵojn kaj pafante raketojn, kiuj ĉie heligis la ĉielon. Aŭdiĝis muziko de ĉiuj publikaj promenadejoj kaj inter la popolo de Bern vagadis la Esperantistoj tra la urbo, ĝis ili post la ĝuado de la vidaĵoj retrovis sin en restaŭracioj. Tie oni babilis, rakontis etajn okazaĵojn kaj spritaĵojn ridis kaj amuziĝis ĝis oni pripensante ke oni frue devos leviĝi la sekvan matenon, iris hejmen por enlitiĝi.

## La ekskurso al Jungfraŭjoch.

Se iu estus observinta la hotelajn fenestrojn en la mateno de merkredo, li estus vidinta je tre frua horo scivolemajn ankoraŭ duone dormajn vizaĝojn palpebrumi al la ĉielo. Ĉar estis la tago de la granda kongresa ekskurso al la eterna neĝo kaj — kia malfeliĉo se ne brilus la suno! se oni troviĝus en alteco de 3500 metroj kaj vidus nenion ol dancantajn neĝerojn kaj sentus glacian venton trablovi la vestojn! La ĉielo ne montriĝis tie favora, sed oni konsoliĝis memorante kion la svisoj estis dirintaj: eĉ se nebulo pendas super la ebenaĵoj la suno povas brili sur la montpintoj, kaj kompreneble oni rememoris tiun diraĵon volonte. Almenaŭ, aperis ankoraŭ kelkaj sur la stacidoma kajo, kiuj estis hezitintaj antaŭe, kaj estis feliĉaj tie trovi sinjoron Hilfiker, kiu prudente estis antaŭvidinta tion kaj povis ankoraŭ vendi al ili biletojn. Tiel ili ĝuis la saman grandan redukton kiel la aliaj kongresanoj, kiuj devis pagi por tiu ekskurso 38 frankojn anstataŭ la ordinara prezo de 65 frankoj.

Je la 6.51 la rapidvagonaro forveturis preter la matena pejzaĝo de la lago de Thun al Interlaken, kie oni ŝanĝis la trajnon la unuan fojon. La duan fojon en Laŭterbrunnen, kie la dentrada fervojo komenciĝis kaj ekgrimpis al Kleine Scheidegg. Tie oni devis jam miri pri multo, precipe pri la imponaj akvofalegoj. „La ŝaŭmanta fluo premiĝas tra la fendoj kaj forte impetas super la rokan muron: la akvo disiĝas pro la profundeco de la abismo, kien ĝi ĵetas sin kaj ŝvebas kiel griza vualo moviĝanta en la densa aero. Ĉielarko brilas tra la akveroj, kaj la valo eĉ malproksime trinkas konstantan roson. Vojaĝanto surprizite ekvidas riverojn, ĵetitajn en la ĉielon, kaj eliĝante el nuboj ili verŝiĝas en nubojn" kiel priskribis la Berna verkisto Albrecht von Haller akvofalon en Berna Oberlando jam antaŭ ducent jaroj. Suprenveturante oni vidis pli kaj pli, ke la veteroptimistoj pravis. La veturilo triumfante lasis iom post iom la nebulon sube kaj jam antaŭ la alveno sur Kleine Scheidegg aperis dum momentoj la mirinde blankaj pintoj kaj la deklivoj de la neĝmontoj.

La aero senteble freŝiĝis kiam oni daŭrigis la vojon ekde Kleine Scheidegg per la verdira Jungfraŭfervojo, kiu per siaj dentradoj rapide ascendis la ankoraŭ venkotajn 1500 metrojn. Sennombraj rigardemaj okuloj sekvis la ŝanĝiĝantan pejzaĝon, kiu jam estis tute sovaĝa, ĝis la longaj tuneloj malhelpis la elvidon. Ĉe diversaj elvidejoj la trajno haltis por doni al la pasaĝeroj eblecon alkutimiĝi al la alteco kaj ĵeti mallongan rigardon en la sovaĝejon. Jam ĉi tie la fotoamatoroj aperis en la plej antaŭa vico, sed la vera plezuro por ili komenciĝis, kiam oni alvenis sur Jungfraŭjoch, kie la trajno finis sian kuraĝan grimpadon duonan horon antaŭ la 12a.

La unuan fojon tiu loko, kiu tiel kutimiĝis al laŭdoj, al admiro kaj entuziasmo, ekaŭdis la ĝojkriadon en la lingvo de Esperanto, kaj efektive tiu lingvo aŭdigis sin kun forto, ĉar 250 Esperantistoj, kiel oni samvespere povis legi en ĉiuj svisaj ĵurnaloj, faris tiun altan vojaĝon.

Post la tre bona kaj rapide servita tagmanĝo, dum kiu oni skribis kartojn por forsendi ilin en la vastan mondon kaj inke makulumis siajn fingrojn per la fontoplumoj trofluantaj pro la malalta aerpremo, oni rapidis el la eleganta kaj komforta hotelo Berghaus en la liberan aeron por entrepreni la diversajn malgrandajn ekskursojn eblajn: per lifto sur Sphinx, kie troviĝas veterobservejo, al la famaj polusaj hundoj, kiuj tiras la gastojn en sledoj, kaj al la propredirita intermontejo Jungfraŭjoch, kie flirtis la svisa flago. La suno brilegis sur la blankan neĝon kaj oni nenion estus vidinta, se oni ne sur la nazo estus portinta malhelajn okulvitrojn. La aero estis tute varma kaj kontrastis frape kun la glacia neĝo. Iom post iom sentiĝis la sundradioj sur la vangoj kaj la haŭto ricevis beletan sunbrulon. Senfine oni ĝuis la vastan atmosferon kaj la nekompareblan vidaĵon de la blankaj montpintoj.

La fotografiloj aperis svarme por kapti la bildon de la glaciejo, kaj de la majesta neĝmontaro, sed ankaŭ de la ĉeestantoj. Oni scenigis amuzajn neĝbatalojn kaj multaj samideanoj troviĝas eternigitaj sur la fotografa filmo kun la kapo en la neĝo. Malfeliĉe la tuta plezuro daŭris nur mallongan tempon. Jam je la dua horo nin la fervojo atendis denove por transporti nin en la malaltaĵon, kaj kvankam oni estus ŝatinta resti kelkan tempon en tiu libera kaj vasta mondo de neĝo kaj glacio, oni obeeme sekvis la organizantojn al la fervoja stacidomo en la rokon.

Kvankam ni ja tute komforte veturis supren la tre konsiderinda ŝanĝo de la aerpremo efikis senteble kaj lacigis pli ol unu enloĝanton de iu eŭropa ebenaĵo. Tamen ŝajnis ke neniu suferis pro montmalsano kaj ĉiuj bone eltenis la ŝanĝon de alteco kaj la impeton de tiel varioplenaj pejzaĝaj impresoj. En bonega humoro oni veturis malsupren, pasante ĉifoje tra Grindelwald kaj alvenis je la 18.44 en Bern, plena de ĝojo pri la neforgesebla travivaĵo.

Malgraŭ la laceco ankoraŭ multaj kongresanoj kolektiĝis vespere en la klubejo de la Bernaj Esperantistoj, pensiono Herter, por ĉeesti artan vesperon aranĝitan de s-ano Dupuis,

en kiu kantado kaj recitado amuzis la dense kunpremitajn samideanojn ankoraŭ dum unu-du horoj.

## La tria laborkunsido.

En la ĝenerala kunveno de ĵaŭdo matene paroladis d-ro Ivo Lapenna el Zagreb pri „La socia rolo de la internacia lingvo". Li priparolis unue, kiel ĉiu lingvo estas kreaĵo de la kolektivo kiu ĝin uzas. La problemo estas, ĉu Esperanto ankaŭ povas esti konsiderata kiel kreata de kolektivo. Lapenna jesis tiun demandon kaj pruvis ĝin jene.

La internacia socio bezonis, post la malapero de la latino kiel internacia klerula lingvo kaj la ekesto de la naciaj lingvoj kiel kulturlingvoj, internacian komprenilon. Kaj provoj kontentigi tiun bezonon depost la 17a jarcento pli kaj pli nombriĝas ĝis ili trovis taŭgan realigon en Esperanto. Tiu Esperanto tamen ne estas iu faraĵo, sed nenio alia ol ekstrakto el la „naturaj" lingvoj. Tiuj ĉi jam enhavas tre grandan nombron da internaciaj vortoj (la kroata gazeta lingvo ekz. 20—25%), tiel ke Esperanto estas nur daŭrigo de tiu evoluo, kiu jam en la naciaj lingvoj celas al internacieco. Ĉi tiuj vortoj estas la kerno de la internacia helplingvo, per ili la kompilanto de Esperanto konstruis sian lingvon. La esprimo „artefarita lingvo" pro tio estas tute malĝusta. Se oni konsideras kiel „artefarita" la konsciecon de la lingva kreanto, oni devas konsideri same artefarita la lingvojn de Dante, Luther kaj de la lingvistoj, kiuj en la lastaj cent jaroj kreis diversajn el la naciaj lingvoj de okcidenta kaj norda Eŭropo tute konscie. Se oni konsideras kiel „artefarita" ion nenaturan oni science tute malpravas, ĉar Esperanto konsistas el la sama materialo kiel la aliaj lingvoj kaj estas gramatike konstruita tute laŭ la samaj principoj.

La socia rolo de Esperanto montriĝas en tio, ke ĝi, kiel okazas en ĉiuj lingvoj, donas al siaj uzantoj certan senton de komuneco. Tiu komuneca sento, la sento aparteni al kolektivo montriĝas ĉe ĉiuj okazoj, kiam du Esperantistoj renkontiĝas. Estas la samo kiel kiam du samlandanoj renkontiĝas en eksterlando. Per la lingvo ili sentas sin kunligataj kaj ne demandas pri la partianeco de unu kaj alia, sed ĝojas pri la kunesto. En tiu sento vidas Lapenna la „internan ideon" kaj per tio certe donis la plej trafan difinon de tiu multe misuzata kaj nekomprenata esprimo.

La nediskutebla bezono de la popoloj al internacia lingvo donas al la Esperantistoj la konvinkon, ke ili estas sur la vojo de la kultura progreso. Kaj eĉ se Esperanto ankoraŭ ne estas ĝenerale uzata, ĝi jam povas servi en alta grado al la interŝanĝo de kulturaj valoraĵoj inter la popoloj kaj ni laboru por altigi la nivelon de nia literaturo kaj de niaj gazetoj por ĉiam pli bone plenumi ĉi tiun taskon.

## La internacia balo.

„La balo en Alhambra", tiu plezura penso okupis la kapojn jam longe antaŭ la ĵaŭdo. Oni estis scivolema pri la dancejo, oni antaŭĝojis pasigi preskaŭ tutan nokton en amuza kunesto, oni emis al la muziko kaj dancado. Kaj jen la bala vespero. Kvazaŭ popolmigrado moviĝis al la Alhambra. En la vestiblo jam brilis balkostumoj kaj solenaj frakoj, naciaj kostumoj, kaj la tuta aro en gaja ekscito. Precipe la svisoj estis agemaj. Kaŝe ili malaperis en malproksiman salonon, por ekzerci almenaŭ unu fojon la kantojn, kiujn ili poste volis prezenti. Kiam ili reiris, la salono jam tute pleniĝis. Sur la galerioj viciĝis ridantaj vizaĝoj, malsupre ĉiuj tabloj ĉirkaŭantaj la grandan dancplankon estis okupitaj. Sur la scenejo la ĵazbando estis instaliĝinta, kiu en tiu momento ekludis. Tuj la paroj turniĝis sur la planko. Inter la balkostumoj miksiĝis svedinoj kun blankaj kaptukoj, estoninoj kun ravaj kapornamoj, geusonanoj kun aŭdacaj ĉapeloj, svisinoj kun pezaj arĝentĉenoj kaj vualaj kufoj, bulgarino kun riĉe brodita bluzo — ĉie belaĵoj, kolorriĉeco kaj vigla juneco. Inter la sinjoroj maljuna skoto en sia landa kostumo ĝojigis la festantojn per sia juneca gajeco. Ĉie li aperis kaj sciis trovi la plej ravajn dancistinojn. Inter la dancoj oni amuziĝis bonege, oni trinkis al la sano de Svislando kaj ĉiuj aliaj landoj, al la bonfarto de la ĉeestantoj kaj al la sukceso de Esperanto. Svedoj, svisoj, angloj kaj aliaj nacioj sidis kune — kia konfuzo, se ne estus Esperanto kiel bonvola helpanto — kaj ŝercis, babiladis gaje kaj amasigis intertempe la vinbotelojn sur la tablo. Por amuzi la nedancantojn, malgranda programo varioplena estis prezentata. Unue la svisoj kantis tri tipe svisajn kantojn en Esperanto, kiujn ili ĉerpis el la Svisa Antologio. La dancistino Senta Maria prezentis du dancojn. Tre simpatie kaj ĉarme kantis la nederlandanino f-ino Hooyer, krome s-ano Dupuis kaj la fortvoĉa svedo Einar Dahl. Ĉio estis akceptata dankeme kaj vigle aplaŭdata. Grandan sukceson havis ankaŭ niaj usonaj samideanoj f-ino Tappan kaj s-ro Connor, kiuj prezentis sian lertecon manipulante ĵetkordon. Poste oni daŭrigis la viglan dancadon ĝis la kvara horo. Certe la kongreso iom post iom malgrandiĝis, sed kiam en la fino s-ro Walder aperis sur la scenejo por ekkanti la Himnon, troviĝis ankoraŭ sufiĉe da voĉoj por fini la belan feston kun forta kaj entuziasma kantado.

## La fakkunsidoj.

Dum la kongreso okazis, kiel ĉiam, granda nombro da fakkunsidoj. Laŭprograme jenaj organizoj havis kunsidojn: „Kristana Esperantista Ligo Internacia", „Lingva Komitato", „Internacia Scienca Asocio Esperantista", „Blindaj Esperantistoj", „Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj", „Skolta Esperantista Ligo", „Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtaj kaj Telefonaj Oficistoj". Krome la IEL-komitato diversfoje kunsidis.

Oni pardonas al la raportisto, se li ne ĉeestis ĉiujn kunvenojn, kio ja estus praktike neebla. Cetere ne ĉiuj fakkunsidoj estis tre bone vizitataj, aŭ ilia laborkapablo suferis, ĉar la estraro de la koncerna fakorganizo ne ĉeestis la kongreson, kiel ektemple okazis en la kunveno de TAGE. En la kunsido de ILEPTO, kiun prezidis s-ro Berger (Bern) kaj protokolis s-ro Couteaux (Paris) estis raportata i. a. pri la progreso de Esperanto en la svisa poŝto. Ĵus apris Svisa Kajero de la „Interligilo de l'PTT", en kiu la organizo de la svisa poŝto estas priskribita kaj priilustrita, aparta presaĵo el ĝi pri la Svisa Alppoŝtaro estis disdonata al la kongresanoj, la horario de la alpaj poŝtoj enhavas kelkajn paĝojn da klarigoj en Esperanto, la poŝto en Bern dum la monatoj majo-junio uzis maŝinŝtampon invitantan al la kongreso kaj dum la kongreso la poŝta aŭtomobila oficejo antaŭ la kongresejo uzis ekstreme belan ŝtampon kun la enskribo" 31a Universala Esperanto-Kongreso, Bern". La kunsido de ILEPTO faris jenan rezolucion:

1. La ILEPTA kunveno dum la 31a Kongreso de Esperanto altiras la atenton de la diversaj PTT-administracioj al la graveco de Esperanto en la PTT servoj, kaj petas ilin bonvoli studi la eblecon rigardi Esperanton kiel vivantan lingvon en la PTT-ekzamenoj, kaj doni al la ekzamenatoj samajn punktojn, kiel por alia grava lingvo. Ĝi petas de la administracioj specialan permeson al la gekolegoj, kiuj deziras proprakoste iri al Esperanto-kongreso de la internacia ligo ILEPTO, aŭ sekvi kursojn oficiale kunvokitajn de alia PTT-administracio (ekz. de la nederlanda).

2. La ILEPTA kunveno publike dankas al la radiostacioj, kiuj dissendas Esperanto-kursojn kaj Esperanto-informojn. Ĝi plene aplaŭdas ĉiujn klopodojn, kiuj estas faritaj en tiu direkto, kaj plezure ricevas informojn pri la internacia subteno, kiujn tiuj dissendoj ricevas. Speciala gratulo al Radio Paris PTT.

3. La ILEPTA kunveno gratulas kaj dankas al la direktoro de la PTT en Nederlando pro la subteno senretena de nia movado. Ĝi respektoplene prenas la decidon doni vivantan dankon, farante ĉion, kio estas ebla por realigi Esperanton en niaj PTT-servoj. — La ILEPTA kunveno ankaŭ varme dankas la gekolegojn, kiuj tiel ofereme kaj tute senpage agis, verkis, tradukis, unuvorte laboris por la belaj kajeroj de nia revuo. Ili ne laboris vane. Esperanto estas per tio pli atentata kaj pli alte taksata.

4. La ILEPTA kunveno alvokas ĉiujn PTT-asociojn de la mondo aliĝi al nia Esperantista Ligo: Absolute neŭtrala laŭ politiko kaj religio, ILEPTO klopodas enradikigi Esperanton en la praktikon: ĝi tiel tuj donas al la aliĝanta asocio kolegon kiel tradukiston, kiu permesos al la koncerna asocio, radii tutmonden kaj havi per la „Interligilo de l'PTT" mondan informilon.

La ILEPTA kunveno dankas al la diversaj asocioj, kiuj jam aliĝis kaj konfirmas al ili ke ĝi estas preta helpi al ili per siaj delegitoj.

5. La ILEPTA kunveno deziresprimas, ke klopodoj estu farataj inter la diversaj gvidantoj de la Esperantomovado por unuigi la fortojn de ĉiuj, kiuj laboras por Esperanto. Ĝi altiras la atenton de la diversaj Esperantistaj societoj al la graveco de la faka movado, kiel la nia, kiu estas fonto de pruvoj vivantaj favore nian lingvon. Ĝi esperas la kunlaboradon de ĉiuj por vivantigi nian rondon je komuna intereso.

La raporto pri la ILEPTO kaj la supra rezolucio aperis en ĉiuj gravaj tagĵurnaloj de Svislando, sed kompreneble mallongigita.

La unua jarkunveno de Denaska Esperantistaro estis prezidata de f-ino McAuslan kaj sekretariata de s-ro Penny. Estis akceptata la jarraporto, kiu troviĝis sur bele presita folio kaj pritraktata la starigo de landaj sekretarioj. DE nun kalkulas 40 infanojn kiel membrojn en 8 landoj.

La blinduloj havis diversajn kunsidojn. Ili pritraktis la eblecojn de la blinduloj akiri la ĉiutagan panon, Esperantan stenografion por blinduloj, la kunlaboron de la blinduloj por la paco. Raportis pri la kunsidoj en la ferma kunveno s-ro Roth el Jugoslavujo.

La skoltaj Esperantistoj dum la kongreso havis propran tendaron, kie tamen nur loĝis 10 skoltoj, 7 eksterlandaj kaj 3 svisaj. En la tendaro la Skolta Esperantista Ligo havis sian jarkunvenon, kiun ĉeestis 25 personoj. Raportis en la ferma kunsido s-ro Moll el Nederlando.

En la ferma kunsido de la kongreso krome raportis jenaj samideanoj, f-ino Nixon pri TAGE, s-ro Isbrücker pri LK, s-ro Nijveld pri ISAE, s-ro Parker pri Kooperativanoj.

## Ekskursoj.

Krom la granda kongresa ekskurso al Jungfraujoch estis aranĝataj ankoraŭ multaj aliaj malpli grandaj ekskursoj, kiuj ĉiuj tre bone sukcesis. Estos interese sciiĝi ion pri la partoprenantaroj. Dimanĉe, kiam la plej multaj migris aŭ veturis sur Gurten, 30 kongresanoj aŭtobuse veturis tra la Berna „Corniche“. Dum la tuta semajno okazis rondveturadoj per aŭtobuso tra Bern, en kiuj entute 200 personoj partoprenis. Krome okazis piediraj urbgvidadoj de la Bernaj Esperantistoj kaj foje la bierfarejo Gurten invitis al vizito kaj vespermanĝo, en kiu partoprenis ĉ. 70 kongresanoj. Ĵaŭde posttagmeze 100 kongresanoj veturis trajne al la Blua Lago (Blausee), 50 sur la monton Niesen kaj 40 aŭtobuse al la Nigra Lago (Schwarzsee). Vendrede 80 faris la grandan tuttagan ekskurson super la montpasejojn Grimsel-Furka al la lago de la Kvar Kantonoj, Luzern kaj returne per trajno kaj aŭtobuso. 40 aŭtobusis al Chasseral kaj 60 al Col de Pillon. En la postkongresa vojaĝo „Ni esploru Svislandon“ partoprenis 50 kongresanoj. Krome la sveda karavano ankoraŭ faris rondvojaĝon tra Svislando, kaj same la estona, grupo da Esperantistoj vojaĝis al Herzberg, kie s-ano Dupuis faris Cseh-kurson, kaj multaj unuopuloj ankoraŭ libertempis en la Berna Oberlando aŭ aliaj partoj de Svislando. Multaj ankaŭ ekskursis dum aŭ post la kongreso — kelkaj eĉ per aeroplano — al la Nacia Ekspozicio en Zürich. Per tiuj multaj aranĝoj la eksterlandanoj povis vidi multajn el la belaĵoj de Svislando, kaj mi estas certa, ke ili dankas pro tio. Se oni vojaĝas al Svislando, oni ne volas ĉiam resti en malhelaj ejoj, sed ekskursi kaj vidi. Tion devas konsideri la aranĝantoj de ĉiaspecaj internaciaj kongresoj, kiuj prefere elektas Svislandon kiel kunvenejon, por tie povi kombini al la laboro libertempan plezuron.

## Honorigo al d-ro Spielmann †.

En la posttagmezo de la vendredo granda nombro da kongresanoj migris al la tombejo, kie ripozas nia fervora samideano d-ro Eduard Spielmann 1870—1938. Verda stelo el florplantoj ornamas lian tombon. Tie la kongresanoj demetis florkronon kun la nomo de la Kongreso kaj s-ano Walder en malgranda parolado rememorigis la meritojn de la mortinto. D-ro Spielmann estis unu el la plej aktivaj svisaj esperantistoj. Li dum multaj jaroj estis prezidanto de ILEPTO kaj poste fariĝis ĝia honora prezidanto. Li fondis kaj direktis la Svisan Esperanto Instituton kaj en la lastaj jaroj de sia vivo dediĉis sin tute al Esperanto. Multaj samideanoj el ĉiuj landoj konis lin, ĉar li vizitis tre multajn internaciajn kongresojn kaj salutis ilin kiel reprezentanto de Svislando. Dum la nuna kongreso en Bern lia nomo pli ol unufoje estis citata kaj ĉiuj ege bedaŭris, ke li, kiu tiel klopodis por venigi la Universalan Kongreson al Bern, ne povis ĝisvivi tiun sian ardan deziron.

## La ferma kunsido.

Sabate matene okazis en la sama salono. kie antaŭ unu semajno la kongreso solene inaŭguriĝis la ferma kunsido, super kiu ĉiam iom malgaja spirito ŝvebas pro la bedaŭro pri la fino de tiel agrabla kaj impresoriĉa semajno. Unue parolis la raportistoj de la diversaj fakkunsidoj, pri kiuj mi jam diris la necesajn informojn en antaŭa ĉapitro. S-ino Thilander la blinda esperantistino el Stockholm recitis poste longan poemon, en kiu ŝi laŭdis nian landon, nian popolon kaj la kongreson en tiaj vortoj, ke la modesteco malpermesas publikigi ilin ĉi tie, sed mi kredas ke mi esprimas la sentojn de ĉiuj svisoj se mit dankas ĉi tie publike al s-ino Thilander pro ŝiaj kortuŝaj kaj simpatiaj vortoj.

S-ro Goldsmith la sekretario de IEL laŭtlegis rezolucion en kiu IEL deklaris sian pretecon kunlabori kun ĉiuj Esperantaj organizoj. Unuanime la kongresanoj akceptis tiun rezolucion, kies ekzaktaj vortoj estas troveblaj en la organoj de IEL. S-ro generalo Bastien dankis al la LKK, precipe al la s-roj Buchli, Hilfiker kaj Walder pro ilia sindona laboro, kiu rezultis bonege organizitan kongreson. S-ro Buchli respondis al s-ro Bastien kaj esprimis sian ĝojon, ke la kongreso okazis tiel glate kaj harmonie. Li donacis nome de la kongreso la grandan verdan standaregon, kiu dum la kongreso ornamis la salonegon en Kazino, al IEL. En tiu momento la flago malsupreniĝis malrapide kaj estis akceptata de du nacikostumitaj Bernaninoj kiuj portis ĝin al la reprezentanto de la Ligo. Granda aplaŭdo sekvis tiun larĝaniman donacon. S-ro Malmgren dankis al generalo Bastien pro lia sindona gvidado de la movado. Li nomis lin la patron de nia movado kaj flustre malkaŝis al la kongresanoj, ke li festos sian 70an naskiĝtagon en decembro kaj ke ni jam nun honoru lin per ekstaro kaj trifoja kriado „vivu nia prezidanto!“, kiu laŭte resonis en la vasta ejo. Kiel lasta paroladis la prezidanto de la kongreso s-ro Jakob Schmid. Li konstatis, ke ni pasigis tre belan semajnon, al kiu eĉ la ĉielo donacante bonan veteron estis favora. Li rememorigis ankoraŭfoje la plezurajn horojn dum tiu semajno; la granda internacia kostumbalo, la solena malfermo, la prediko sur Gurten, la majstra parolado de d-ro Olŝvanger, la festa prezentado de la Eterna Rondodanco, la neforgesebla veturo sur Jungfraujoch, la kongresbalo kaj la diversaj aliaj ekskursoj. Sed li atentigis la kongresanojn, ke Svislando ne nur posedas ravan pejzaĝon, sed ke same riĉa kaj interesa estas ĝia spirita flanko, la literaturo. Ĵus aperis por la kongreso, kaj per la helpo de la kongreso, ĉe Literatura Mondo „Svisa Antologio“, kiu sur 540 paĝoj kunigas pli ol 50 aŭtorojn en prozo kaj poezio el ĉiuj kvar lingvopartoj de nia lando. S-ro Schmid konsilis al la kongresanoj akiri tiun libron kiel ĉiam valoran memoraĵon pri la kongreso en Svislando. Per jenaj vortoj, al kiuj poste sekvis laŭ tradicio la himno, li fermis la kongreson: „Karaj samideanoj! Dum tuta semajno ni kune vivis, laboris kaj ĝojis kiel granda, feliĉa familio. Kaj nun venas la amara horo de disiĝo. Multaj el vi forveturos al malproksimaj landoj. Vi rakontos al viaj gepatroj, infanoj, gefratoj, al viaj geamikoj pri Bern, pri Svislando, pri viaj novaj konatuloj, pri varmego sur Gurten kaj pri eterna neĝo sur Jungfraŭ, vi ankaŭ longan

tempon revados pri la kongresa semajno kaj vi certe ankaŭ havos la deziron, reveni, se iel eble, en la landon de viaj revoj. La LKK kaj la kongresa prezidanto sincere dankas al vi ĉiuj pro la partopreno en la kongreso, pro la grava propagando por la Esperanto-movado, kiun vi faris en Svislando. Ni deziras al vi, el tuta koro, feliĉan revenon en vian hejmon. Ĝis revido en venonta kongreso! Vivu Esperanto!"

## Kelkaj konsideroj.

Laŭ la organiza vidpunkto la Berna kongreso certe povas esti nomata modela. La hotelservoj funkciis glate, ĉiuj aranĝoj komenciĝis precize, la ekskursoj okazis sen iu malhelpo aŭ akcidenteto, la kongresejo pruviĝis tre taŭga: laŭtparoliloj ebligis eĉ al la plej malantaŭe sidantaj kompreni ĉiun vorton, en la halo de la kongresejo la oficejo estis je ĉies dispono, la librobudo de la Berna grupo laboris konstante, la informservo per nigra tabulo kaj laŭtparolilo funkciis fidinde, la aŭtomobila poŝto kontentigis ĉiun kaj vekis ĝeneralan plaĉon per la bela kongresŝtampilo ktp. La laborkunsidoj estis bone vizitataj kaj neniu plendis pri troo da kunsidoj, sed kontraŭe, kelkaj opiniis, ke oni estus povinta labori ankoraŭ pli. Eĉ se oni estis devigata ĉeesti ĉiujn aranĝojn, oni ne tro laciĝis kaj se oni jam ĉeestis konkresojn kie okazis la kontraŭo, oni ne malŝatis tion.

Por la plej multaj kongresanoj la kongresvojaĝo estas samtempe ilia libertempo kaj pri tio la LKKoj devas ĉiam konscii.

La efiko de la kongreso eksteren estis tre granda. Estas kaj restas fakto, ke laŭ propaganda vidpunkto la malgrandaj urboj por la kongreso estas centfoje pli vizitendaj ol grandurboj. En urbo kun 120,000 enloĝantoj, kiel ekz. Bern, eĉ kongreso kun nur 800 vizitantoj faras grandan impreson, en grandurbo eĉ la plej granda kongreso dronas inter la homamasoj de la enloĝantoj. En Bern la propaganda efiko estis tre granda. La gazetaro estis tre favora kaj jam en la semajno antaŭ la kongreso enhavis artikolojn pri Esperanto kaj pri nia kongreso. Pri la malfermo ili detale raportis kaj dum la kongreso ili presigis la ampleksan gazetservon, kiun estis organizinta s-ro Buchli kaj realiginta la subskribinto. La gazeto „Der Bund" kiu aperas dufoje ĉiutage akceptis krome en ĉiu numero duonan kolonon en Esperanto kaj Berner Tagblatt akceptis ĉiutage 25linian komunikon en Esperanto. La tero estas bonege preparita nun por la Bernaj samideanoj kiel ankaŭ en cetera Svislando. Jam antaŭ la kongreso gekelneroj kaj oficistoj grandnombre lernis Esperanton; nun kiam ĉiu vidis la faktan gravecon de la movado, ni rajtas esperi, ke estos facile varbi grandan nombron da novaj aliĝontoj. La granda propaganda valoro de la kongreso en Svislando estas senduba.

Arthur Baur.

# 5-a Kaj lasta listo de kongresanoj.

621. L. L. Lagarde, Marseille, Francujo.
622. F-ino A. Arnesen, Jessnes, Norvegujo.
623. H. Andren, Kulladal, Svedlando.
624. S-ino E. Andren, Kulladal, Svedlando.
625. P. U. Bracci, Livorno, Italujo.
626. T. Ramiro, Napoli, Italujo.
627. S-ino E. Ramiro, Napoli, Italujo.
628. J. Rajcher, Warszawa, Polujo.
629. F-ino L. Ratasep, Tallinn, Estonio.
630. F-ino H. Tulp, Tallinn, Estonio.
631. F-ino B. Kallas, Tallinn, Estonoi.
632. F-ino A. Toomingos, Tallinn, Estonio.
633. S-ino J.-L. Karp, Tallin, Estonio.
634. F-ino A. Tomberg, Tallin, Estonio.
635. F-ino A. Sild, Tallinn, Estonio.
636. F-ino S. Horm, Tallin, Estonio.
637. F-ino M. Rummo, Tallinn, Estonio.
638. S-ino M. Arend, Nomme, Estonio.
639. F-ino E. Wiedmer, Bern, Svislando.
640. S-ino F. Weber-Brackendorff, Bern, Svislando.
641. H. Galli, Bern, Svislando.
642. A. Lienberger, Bern, Svislando.
643. S-ino H. Simonett, Bern, Svislando.
644. F. Gilomen, Bern, Svislando.
645. P. Jaussi, Bern, Svislando.
646. F-ino B. Hänni, Ostermundigen, Svislando.
647. W. C. Meier, Zeist, Nederlando.
648. A. Ebbinge, Roosendaal, Nederlando.
649. F-ino H. J. Ebbinge, Roosendaal, Nederlando.
650. S-ino A. J. Armleder, Genève, Svislando.
651. J. D. De Vrieze, Drachten, Nederlando.
652. F-ino J. Kieft, Laren, Nederlando.
653. L. Ouwehand, Rotterdam, Nederlando.
654. F-ino S. M. Wijers, s'Gravenhage, Nederlando.
655. E. L. Johnson, London, Anglujo.
656. Th. F. Swinburne, Romford, Anglujo.
657. F-ino W. Carter, Idle, Bradford, Anglujo.
658. F-ino D. Chadwick, Leeds, Anglujo.
659. F-ino E. Birkenhead, Leeds, Anglujo.
660. F-ino E. E. Rothwell, Goodmayes Ilford, Anglujo.
661. P. T. B. Hudson, Melbourne, Australujo.
662. F-ino G. M. Bragecirdle, Eastbourne, Anglujo.
663. N. Wooding, Leicester, Anglujo.
664. F-ino J. M. Baird, Edinbourgh, Skotlando.
665. Th. G. L. Hickson, Swanage, Anglujo.
666. K. W. Hickson, Swanage, Anglujo.
667. A. Th. L. Hickson, Swanage, Anglujo.
668. J. van As, Antwerpen, Belgujo.
669. F-ino J. Nachtergaele, Gent, Belgujo.
670. A. J. Kalma, Amsterdam, Nederlando.
671. F-ino L. Thulin, Ronneby, Svedujo.
672. F-ino M. Thulin, Ronneby, Svedujo.
673. Th. Nilsson, Tungelsta, Svedujo.
674. F-ino G. Lundberg, Malmö, Svedujo.
675. L. Andersson, Smedjebacken, Svedlando.
676. F-ino Ph. B. Stephenson, London, Anglujo.
677. F-ino D. M. Asbee, Oxford, Anglujo.
678. F-ino V. Meredith, Birmingham, Anglujo.
679. F-ino M. Vermaas, Rotterdam, Nederlando.
680. J. v. d. Es, Slikkerveer, Nederlando.
681. Ch. M. N. Th. Op'troodt, Venlo, Nederlando.
682. F-ino M. Persson, Malmö, Svedujo.
683. R. A. Perrot, Paris, Francujo.
684. S-ino K. Halvarsson, Kiruna, Svedlando.
685. F-ino G. Lindwall, Stockholm, Svedujo.
686. S-ino C. Hansson, Malmö, Svedujo.
687. H. Hansson, Malmö, Svedujo.
688. Laborista Esperantista Grupo, Bern, Svislando.
689. F-ino Haynard, Villeurbanne, Francujo.
690. F-ino Garriard, Lyon, Francujo.
691. S-ino Picout, St. Fons, Francujo.
692. R. Levin, Lyon, Francujo.
693. S-ino L. Stensdal, Hovik, Norvegujo.
694. H. Fagelund, Oslo, Norvegujo.
695. S-ino M. E. A. Bonger-Flecken, Den Haag, Nederlando.
696. F-ino J. M. C. Hellinx, Hilversum, Nederlando.
697. F-ino S. C. Visser, Hilversum, Nederlando.
698. F-ino Clavier, Caluire, Francujo.
699. F-ino A.-M. Gobiet, Papendrecht, Nederlando,
700. P. J. Kromeich, Utrecht, Nederlando.
701. Th. Ed. Howard, Enfield West, Anglujo.
702. St. J. Bruce, London, Anglujo.
703. S-ino A. M. Bruce, London, Anglujo.
704. F-ino D. Darnell, Huddersfield, Anglujo.
705. S-ino E. Coldwell, Rotherham, Anglujo.
706. F-ino M. Bentley, Leicester, Anglujo.
707. F-ino D. M. Bowkett, Leicester, Anglujo.
708. S-ino Jovanovic, Karlovac, Yugoslavio.
709. Geors, St. Didier, Francujo.
710. A. Berchn, Campulung la Tisa, Rumanio.
711. A. Nuidan, Savigny-les-Beaune, Francujo.
712. S-ino Th. Nuidan, Savigny-les-Beaune, Francujo.
713. F-ino C. Nuidan, Savigny-les-Beaune, Francujo.
714. L. Nuidan, Savigny-les-Beaune, Francujo.
715. J. A. Tam-Nijburg, Arnhem, Nederlando.
716. E. A. Walker, Perth, Australio.
717. J. Thézard, Niort, Francujo.
718. F-ino Y. Thézard, Niort, Francujo.
719. G. Turin, Pontarlier, Francujo.
720. J. H. Mihalik, Sashalom, Hungarujo.
721. S-ino J. de Mihalik, Sashalom, Hungarujo
722. S-ino B. Débraz, Basel, Svislando.
723. F-ino M. Mateman, Lochem, Nederlando.
724. G. Ohlson, Hörby, Svedujo.
725. D. Nyrén, Hörby, Svedujo.
726. F-ino S. Stenström, Göteborg, Svedujo.
727. N. Ahlm, Stockholmo, Svedujo.
728. F-ino N. Johannesson, Stockholmo, Svedujo.
729. F-ino A. Paulsson, Malmö, Svedujo.
730. F-ino G. H. Benink, Almelo, Nederlando.
731. F-ino P. W. Van Syn, Den Haag, Nederlando.
732. F-ino E. Baldwin-Smith, Barry, Anglujo.
733. Th. C. Butler, Genève, Svislando.
734. F-ino E. Gresty, Wigan, Anglujo.
735. S-ino Morris, Wigan, Anglujo.
736. C. Bruynoghe, Dunkerque, Francujo.
737. S-ino van Veen, Hilversum, Nederlando.
738. H. Kosberg, Molde, Norvegujo.
739. F-ino A. Kosberg, Molde, Norvegujo.
740. Halere, Paris, Francujo.
741. C. J. Terra, Amstelveen, Nederlando.
742. D-ro. P. Wanner, Lausanne, Svislando.
743. G. Hallin, Malmberget, Svedlando.
744. P. Moller, Kobenhavn, Danlando.
745. F-ino M.-L. Debrg, Croix-Lille, Francujo.
746. S-ino L. Glemminger, Malmö, Svedujo.
747. O. Glemminger, Malmö, Svedujo.
748. Lehane, Anglujo.
749. F-ino R. Olŝvanger, Jerusalem, Palestino.
750. S-ino M. van Rees, Rapallo, Italujo.
751. F-ino K. Räz, Bern, Svislando.
752. L. Pallesgaard, Vestervig, Danlando.
753. S. Roth, Stari-Becej, Yugoslavio.
754. F-ino A. Hutchinson, Philadelphia, Usono.
755. F-ino F. Hutchinson, Philadelphia, Usono.
756. J. Schuvez, Enschede, Nederlando.
757. D-ro. R. Fulda, Anglujo.
758. F-ino A. Kessler, Boitsfort-Bruxelles, Belgujo.
759.
760. W. J. Nyveld, Amsterdam, Nederlando.
761. S-ino A. Kaas Hansen, Svendborg, Danlando.
762. S. Kaas Hansen, Svendborg, Danlando.
763. F. Rispy, Amriswil, Svislando.
764. A. Fomsgaard, Lemvig, Danlando.
765. H. Fischbacher, Lower Huth Nov Zelando.
766. F-ino J. Hooyer, Hago, Nederlando.
767. S-ino F. Hoade, Philadelphia, Usono.

Resumo: Aŭstralio 3, Belgujo 23, Brazilo 2, Britujo 229, Bulgarujo 1, Ĉeĥoslovakio 5, Danujo 15, Estonio 20, Finnlando 3, Francujo 101, Hindujo 1, Hispanujo 1, Hungarujo 8, Irlando 2, Italujo 22, Japanujo 1, Jugoslavujo 7, Maroko 1, Nederlando 81, Norvegujo 18, Palestino 1, Polujo 8, Svedujo 77, Svislando 90, Usono 14, rezervitaj 23.

Entute 757 el 25 landoj.



Presita en Svislando.